24a Jaro - No 2 (252) Jara Kotiz-Abono Fr. 35,— Februaro 1938a

# BELGA ★ ESPERANTISTO

Monata Revuo fondita en 1908a

DIREKTORO:
Maur. JAUMOTTE
44, Avenuo De Bruyn
Wilryck-Antverpeno

Oficiala Organo de Reĝa Belga Ligo Esperantista
Societo sen profita celo. --- Belga Ŝtatgazeto 27.6.33

POST ADMINISTRANTARA KUNSIDO.

## Ni organizu nian Propagandon

Dum la solena kunsido de la nacia Kongreso de La Louvière, la membraro de Reĝa Belga Ligo Esperantista akceptis regularon, laŭ kiu la ĝistiama societo iĝis « societo sen profita celo ».

Estis grava paŝo, kiun faris nia Ligo; paŝo al pli da firmeco, al pli da seriozeco; sed paŝo ankaŭ kiu devigis nin tute reorganizi ne nur la administrantaron de nia societo, sed la labormanieron mem de la diversaj servoj.

Tiu transformiĝo ne povis esti efektivigata en kelkaj minutoj, kiel povis esti la decido mem.

Tiu transformiĝo kontraŭe, — la gvidantoj, se ne la membroj tion ja antaŭvidis —, estis demandonta al la gvidantoj multan tempon kaj laboron.

Kaj tio klarigas, ke pasintan dimanĉon la administrantaro de la juna laŭleĝa societo, kunveninta en Bruselo dum ok plenaj horoj, povis diskuti serioze, ĝisfunde, diversajn problemojn kaj ke tamen la tuta problemo ne jam estas solvita.

Kiel niaj legantoj vidos en la sekvantaj paĝoj, la administrantaro akceptis nun firman bazon por la organizo de la Kongresoj, kiujn la Belga Ligo organizas ĉiujare en iu urbo belga; pri kiu ĝi estas respondeca, sed kies rilatoj al la Ligo ne estis ĝis nun klare difinitaj.

Ĝi akceptis ankaŭ regularon pri la ekzamenoj. Jam antaŭ kelkaj jaroj, la internacia movado kreis kelkajn kategoriojn de diplomoj, kiujn oni povas kompari unu al alia, kiu ajn estu la lando en kiu la ekzameno estas farata.

Sed la diplomoj en nia lando ne jam adaptiĝis al la nova situacio.

Kiel oni ankaŭ vidos en tiu ĉi numero de nia bulteno, tiu problemo nun estas same solvita. Belga Ligo organizos almenaŭ unufoje en la jaro ekzamenon por la tri gradoj kaj tio ekster kaj krom la ekzamenoj, kiujn la grupoj daŭrigos organizi por la membroj, kiuj sekvis elementan kurson.

Sed ĉio ĉi estas organiza afero.

Kaj organizo povas esti serioza afero, kaj nepre bezona. Fakte ĝi tamen per si mem ne estas fruktodona.

Kaj fruktodonan laboron bezonas nia Ligo.

Ĝi bezonas efektive ĉiujaran rikolton, ĉar, ĉiujare, Societo, kies celo estas la lernado, la kono, la disvastiĝo de lingvo, eĉ kun internacia karaktero kiel la nia, tamen perdas membrojn, kiuj tre certe ne tuj aŭ ne baldaŭ forgesos la lingvon, sed kiuj ne vidas la utilecon aŭ la dezirindecon, de sia pli longtempa restado en la vicoj de la propagandistoj.

Ili certe malpravas. Ĉar la sukcesigo de idealisma afero kiel la nia, estas nur akirebla per la fideleco de ĉiuj tiuj, kiuj iam estis batalantoj por ĝi.

Sed fakto valoras pli ol urbegestro ! diras la angloj.

Kaj ni nepre volas, ke niaj rangoj ne nur restu tiel fortaj, kiel ili estas, sed iĝu de jar' al jaro, de tag' al tago, pli grandaj, pli imponaj; ni nepre devas serĉi rimedojn por unue, kontraŭbatali la elfluon de la bona sango, kiun ni posedas, kaj por akiri ĉiam novan sangon, kiu devas alporti al ni la ĉiaman rejuniĝon, kiun bezonas daŭre Societo, kies funkciado dependas ĉefe de la bonvolo, de la idealisma laborado de kelkaj samcelanoj.

Tiujn rimedojn pristudis, dum sia lasta kunsido, la administrantaro de Reĝa Belga Ligo Esperantista. Mi bezonus la amplekson de pli ol unu numero de nia bulteno, por pritrakti ĉiujn propagand- kaj laborrimedojn kiuj estis skizitaj.

Mi do ne komencos ilin skizi, sed mi volas doni la certigon al niaj membroj ke la gvidantaro de Belga Ligo estas preta por, kun ĉies kunhelpo, iniciati novan, ĉiam pli gravan laboron por nia ĉies Idealo.

Maur. JAUMOTTE.

### Informo

**Tiu ĉi numero de nia revuo aperas kelkajn tagojn pli malfrue ol kutime, post interkonsento kun la estraro de Belga Ligo kaj pro la tre grava kunsido de la administrantaro, kiu okazis la 30-an de Januaro.**

# Reĝa Belga Ligo Esperantista

## Ĝenerala Jarkunsido

**La ĝenerala Jarkunsido de Reĝa Belga Ligo Esperantista okazos en « Hotel Albert Ier », Placo Rogier, Bruselo, dimanĉon, la 3-an de Aprilo.**

**La tagordo kaj ĉiuj informoj estos konigataj en la proksima numero de nia revuo.**

**Oni jam de nun tamen rezervigu la daton.**

## Administrantara Kunsido

**Dimanĉon la 30-an de Januaro en Hotelo Albert Ier en Bruselo.**

Ĉeestis : el Antverpeno : S-roj Jaumotte kaj Faes, administrantoj, kaj Roost, komisaro; el Bruĝo: F-ino Thooris; el Bruselo: F-ino Jennen kaj S-roj Kempeneers kaj Swinne; el Charleroi: S-ro Cafonnette; el Gento: S-ro Vandevelde; el La Louvière: S-ro Tassin; el Ninove: S-ro Cogen, geadministrantoj, kaj kiel emerita administrantino: S-ino Elworthy.

Senkulpigis sin: S-ro Poupeye.

La Prezidanto S-ro Kempeneers malfermis la kunsidon je la 10 h. 15. La raporto pri la antaŭa kunsido estis aprobata.

La kunvenoj estonte okazos posttagmeze je la 14a h.

Estis decidite, ke S-ino Elworthy havigos regule al « Heroldo » informojn pri nia movado. La grupoj, kiam ili ion organizis, sendu do al Frans Standaertlei, 9, St Mariaburg, noteton pri ĉio interesa.

S-ro Tassin, kasisto, raportas pri la kasstato, kiu estas tre bona. Li dezirus eksiĝi el sia funkcio, sed estas preta daŭrigi la laboron dumtempe.

S-ro Jaumotte raportas pri la situacio de « Belga Esperantisto », kies aperigon li proponas daŭrigi kiel antaŭe.

S-ro Swinne faras raporton, nome de la sekretarioj.

S-ro Cafonnette kaj S-ro Tassin donas klarigojn pri la intertraktadoj, rilate al la Kongreso de Charleroi, por kiu jam 77 membroj enskribiĝis kaj pri kies definitiva programo, ni povos doni klarajn kaj kompletajn informojn proksiman monaton.

La administrantaro akceptis la proponon de la loka grupo, rilate al la kunmeto de la L.K.K.

Ĝenerala priparolado de la propagando, kiu sekvis al firma propono de S-ro Vandevelde, estis haltigata je la 2-a horo por daŭrigo en la posttagmeza kunveno.

La administrantaro akceptis fine kaj i.a. proponon de S-ro Vandevelde, sendi regule al la kleruloj taŭgajn propagandotekstojn en formo de broŝuretoj.

Kiel komitatanon de IEL, la administrantaro ree prezentas S-ron Kempeneers kaj vokas plie la atenton de tiu komitato al F-ino Jennen, kiu povus esti elektata kiel koopta membrino.

La administrantaro funde esploris diversajn regularojn, kiuj formas parton de la regularo pri interna aranĝo de la Ligo, nome pri la Kongresoj, pri la ekzamenoj kaj pri la programo de tiuj ĉi.

La tekstojn tiurilate oni trovos en tiu ĉi numero.

Je la 18a horo 35, la Prezidanto fermis la kunsidon.

## Baghy-Vesperoj

Ni jam estis ricevintaj de la grupoj la informojn pri la vesperoj de la monato de Februaro, kiam ni eksciis pri la aranĝo de diversaj BAGHY-vesperoj, en pluraj societoj :

Venante el Francujo, S-ro Baghy estos la 7-an de Februaro en Arendonk kaj tiam iros :

Marde, la 8-an de Februaro, al la Reĝa Bruĝa Grupo;

Merkrede, la 9-an, al la Genta Grupo Esperantista;

Ĵaŭde, la 10-an, al la Esperantista Brusela Grupo;

Vendrede, la 11-an, al nekonata adreso.

Sabate, la 12-an al la Reĝa Esperanto-grupo de Antverpeno « La Verda Stelo ».

La diversaj grupoj plej verŝajne informos sian membraron, kiel ili agas kutime, kiam temas pri iu neantaŭvidita aranĝo.

La programoj estos ŝanĝataj laŭbezone dum tiuj vesperoj.

## Kongresoj

**Regularo de interna aranĝo, redaktita de S-ro Jaumotte, kaj aprobita unuanime post kelkaj aldonoj kaj ŝanĝoj.**

Art. 1. — Krom la kunvenoj de la direktanta komitato, de la administrantaro kaj de la komisaroj, antaŭviditaj de tiu ĉi regularo kaj krom la ĝeneralaj kunsidoj de la membroj antaŭviditaj de la statuto, R.B.L.E. organizos ĉiujare dum la Pentekostaj tagoj, aŭ je la dato fiksota de la administrantaro, en iu urbo belga, kongreson, al kiu ĝi invitos ĉiujn siajn membrojn kaj ĉiujn eksterstarantojn, kiuj per partopreno deziras ĉu montri sian subtenon aŭ sian simpation al la Esperanto-movado, ĉu helpi al la propagando por ĝi.

Konforme al la statuto de Reĝa Belga Ligo Esperantista, la Kongreso ne enmiksiĝos en politikaj kaj religiaj demandoj.

Art. 2. — La administrantaro indikos por ĝin organizi specialan komitaton, kies membrojn ĝi elektos libere ĉu en sia mezo, ĉu en la membraro de la societo, ĉu eĉ ekster ĝi, se ĝi opinias ke tio estas, ĉu necesa ĉu preferinda.

La tasko de tiu ĉi organiza komitato, kiu havos la titolon de « Loka Kongresa Komitato » ĉesos tuj kiam ĝi estos likvidinta ĉiujn financajn operaciojn rilate al la okazinta kongreso.

Art. 3. — La administrantaro fiksas mem la kotizon por la Kongreso kaj la licenc-pagon, kiun, el tiu kotizo, la organiza komitato devas rezervigi al la liga kaso.

Art. 4. — La decidoj de la organiza komitato, kiam ili rilatas al financaj aferoj, nur ligas la Belgan Ligon, post aprobo de la estraro; tiu ĉi aprobo estas sciigata al la organiza komitato per letero subskribita de du funkciuloj de la estraro.

La ceteraj decidoj, i.a. rilate al la propono de honortitoloj al lokaj eminentuloj, al la kunmeto de la ĝenerala programo, estos alprenataj de la organiza komitato, ĉiam en plena interkonsento kun la estraro de la Ligo.

Art. 5. — La Kongreso estas prezidata de la Liga Prezidanto, helpata de la funkciuloj de la estraro.

La Prezidanto kaj la funkciuloj de la organiza komitato (L.K.K.) estas dum la kongreso la interligilo inter la Kongresanoj kaj la lokaj aŭtoritatuloj; ili dum la kongreso daŭrigas la kontrolon pri la bona evoluo de ĉiuj programeroj de la kongreso kaj la helpadon al la kongresanoj, por ĉiuj aranĝoj, kiujn la organiza komitato mem faris.

## La Kongreso en Charleroi

Kiel niaj legantoj scias, la organizo de la Kongreso, kiu okazos, dum la Pentekostaj tagoj, en Charleroi, estis konfidata al la tiea sekcio de Belga Ligo, kiu mem estas sekcio de la loka Poliglota Klubo.

Nun tiu sekcio firme proponis la komitaton, kiu funkcios kiel L.K.K. dum la estontaj festotagoj.

La Prezidanto estas S-ro R. Marghem kaj nia amiko S-ro C. Cafonnette la kasisto. Kun la helpo de S-roj S. Biernaux, L. De Greef, R. Goodwin, A. Ringlet, E. Severin, M. Staumont, G. Van

---

## Atentu !

**Kiu ne estos paginta sian kotizon, antaŭ la fino de la nuna monato, ne plu ricevos la martan numeron de « Belga Esperantisto ».**

Veuren kaj J. Waterlot, tiuj samideanoj jam ekkomencis prilabori la ĝeneralan programon, kiun ili kunmetis kaj pri kiu ili promesas al ni ĉiujn detalojn por la sekvanta bulteno.

S-ro Cafonnette jam donis kelkajn klarigojn al la administrantaro de Belga Ligo.

Sabate, jam okazos unua festo, dum kiu oni aŭdos mallongan paroladon kun lumbildoj de nia samlandano S-ro Blaise, pri « Londono », la urbo de nia nunjara universala kongreso kaj dum kiu unu el la grupoj, kiuj posedas teatran sekcion, prezentos ĉu apartajn numerojn, ĉu iun kabaredan parton.

Dimanĉon, krom la ordinaraj programeroj, okazos vizito al la loka Laboruniversitato. Por la sama tago aŭ la lundo, estas antaŭvidita vizito al uzino.

Por la lundo, diversaj ekskursoj estas antaŭvidataj inter alie al Chimay, Couvin, Nismes, kc.

Intertempe, niaj legantoj, kiuj ne jam aliĝis al la Kongreso, estas petataj ne atendi pli longtempe kaj tuj ĝiri sumon de Fr. 15 al la P.Ĉ.K. 1119.10 de la « Belga Kongreso de Esperanto », Charleroi.

# Ekzamenoj

**Regularo de interna aranĝo, redaktita de S-ro Jaumotte, kaj aprobita unuanime post kelkaj aldonoj kaj ŝanĝoj.**

Reĝa Belga Ligo Esperantista organizas la ekzamenojn pri la kono de la Esperanta Lingvo en sia teritorio.

Tiuj ekzamenoj enhavas tri gradojn:
a) atesto pri lernado;
b) atesto pri supera lernado;
c) atesto pri profesora kapableco.

Art. 1. — Kandidato estas allasata al ekzameno de la dua aŭ de la tria grado, nur se li posedas la diplomon pri la antaŭa grado, de almenaŭ unu jaro.

Provizore personoj kiuj, je la momento de la akcepto de la nuna regularo, estas membroj de la societo, de almenaŭ du jaroj, ne estos devigataj atendi unu jaron, inter la akiro de la atesto pri lernado kaj la ekzameno pri supera lernado.

Art. 2. — La administrantaro fiksas la kostojn, pagotajn de la kandidatoj por esti allasataj al la ekzameno.

Art. 3. — Por la organizo de la ekzamenoj, la administrantaro elektas specialan komisionon, nomatan « Ekzamena Komisiono », kaj ĝian prezidanton.

Tiu ĉi komisiono estas kunmetata nur de personoj, kiuj posedas la diplomon pri profesora kapableco de la Ligo.

Tiu ĉi komisiono konsistas el ses efektivaj membroj, kaj ĝis ses anstataŭaj membroj, kiuj estas membroj de la Ligo de almenaŭ kvin jaroj.

Ekzamenantaro ĉiam konsistas el almenaŭ tri membroj indikitaj de la estraro.

Art. 4. — Rilate la ekzamenon pri simpla kapableco, la komisiono rajtas konfidi la organizon de tiuj ekzamenoj al lokaj aliĝintaj grupoj aŭ al individuaj membroj de Belga Ligo. Ili kunmetos ekzamenantaron, konsistantan el tri membroj de Belga Ligo, el kiuj almenaŭ unu havu la diplomon pri profesora kapableco.

Tiuj ekzamenantaroj povas aljuĝi diplomojn pri simpla kapableco, nome de R.B.L.E., kondiĉe ke ili submetu la kandidatojn al la programo kunmetita de la Komisiono kaj kiu estos publikigata en « Belga Esperantisto ».

La loko, dato kaj horo de tiaj ekzamenoj kaj la kunmeto de la ekzamenantaro devos esti sciigataj al la Prezidanto de la Komisiono almenaŭ du semajnojn antaŭe kaj la Prezidanto havos la rajton persone ĉeesti tiujn ekzamenojn aŭ reprezentigi sin de membro de la Komisiono.

Post la ekzameno, la lokaj organizintoj sendos la demandaron de la skriba parto de la ekzameno, la rezultaton kun ĉiuj eventuale necesaj informoj al la prezidanto de la ekzamena komisiono, kiu havigos al la organizintoj sian aprobon.

En la eventualeco, ke la labormaniero de la loka juĝantaro aŭ la programo ne estus konformaj al la postuloj de la Komisiono, la tri membroj de la ekzamenantaro povos apelacii apud la prezidanto de la Komisiono.

En tia okazo la Komisiono decidos ĉu diplomoj povas esti aljuĝataj nome de R.B.L.E.

Art. 5. — Ekzamenantaro por la kategorioj b. kaj c. ĉiam konsistas el almenaŭ tri membroj de la ekzamena komisiono, indikitaj de la estraro, laŭ propono de la prezidanto de la ekzamena komisiono.

Art. 6. — Neniu grupo aŭ neniu individuo havas la rajton ekster la ĉi supraj kondiĉoj, disdoni al kandidatoj diplomojn, sur kiuj estas menciitaj en kia ajn rilato, la nomo de Reĝa Belga Ligo Esperantista.

Art. 7. — Ekzamenoj de la tri kategorioj estos almenaŭ unufoje ĉiujare anoncitaj de Belga Ligo.

# Programo de la Ekzamenoj

**Redaktita de Fraŭlino A. Jennen kaj aprobita unuanime post kelkaj aldonoj kaj ŝanĝoj.**

1° ATESTO PRI LERNADO.

Tiu atesto estas simpla pruvo de elementa kono de la lingvo. Ĝi taŭgas ekzemple por la personoj kiuj dum unu kursjaro profitis la lecionojn.

PROGRAMO :

| | | P. |
|---|---|---|
| I. | Diktaĵo | 10 |
| II. | Traduko, el la nacia lingvo, de 15 frazoj (sen vortaro). Daŭro de la laboro: 45′ maksimume. P. 20 laŭsekve : | |
| | vortaro | 10 |
| | ĝusteco | 10 |
| III. | Legado de teksto, proksimume 6 linioj. La elparolado kaj la akcento estu puraj | 10 |
| IV. | Traduko de tiu teksto kun klarigo de kelkaj gramatikaj demandoj | 10 |
| | | 50 |

2° ATESTO PRI SUPERA LERNADO.

(Post perfektiga kurso aŭ memperfektigo.) Nepra kondiĉo : la kandidato posedu la ateston pri lernado.

PROGRAMO :

| | | P. |
|---|---|---|
| I. | Traduko el Esperanto: 15 linioj | 10 |
| II. | Redakto de letero, aŭ de artikolo pri propagando, turismo ktp. (Almenaŭ 10 linioj — mezgrandaj literoj — en Esperanto, sen vortaro) | 20 |
| III. | Legado de 5 linioj: perfekta elparolado | 5 |
| IV. | Parole: per Esperanto 1° respondoj pri gramatikaj demandoj | 20 |
| | 2° interparolado kun la juĝantaro | 20 |
| | | 75 |

3° ATESTO PRI PROFESORA KAPABLECO.

Kondiĉoj: posedi la atestojn 1° kaj 2°.

PROGRAMO :

| | | P. |
|---|---|---|
| | — Skriba parto : | |
| I. | Traduko el nacia lingvo: 10-15 linioj | 20 |
| II. | Traduko el Esperanto | 10 |
| III. | Korektado de teksto enhavanta erarojn gramatikajn | 10 |
| | — Parola parto : | |
| I. | Legado kaj tradukado de 10 linioj el Zamenhofa verko | 20 |
| II. | Demandoj pri la teorio kaj praktiko de internacia lingvo; la historio kaj la literaturo de Esperanto | 20 |
| III. | Traduko de malgranda nacilingva anekdoto | 10 |
| IV. | Instrua parto, farota antaŭ publiko, de grava gramatika punkto. (Preparado: 30′) | 60 |
| | | 150 |

**Kondiĉoj de la Ekzamenoj :**

La ateston nur ricevos la kandidatoj, kiuj atingis almenaŭ la duonon de la poentoj por ĉiu parto kaj 65 % por la tuta ekzameno.

La kandidatoj pagos :

5 fr. por la ekzameno « atesto pri lernado »;
10 fr. por la ekzameno « atesto pri supera lernado »;
50 fr. por « atesto pri profesora kapableco ».

La lernantoj, kiuj ne sukcesas, povas unufoje senpage refari la saman ekzamenon.

# La Liga Prezidanto festita en la Brusela Grupo

## Samtempa honorigo de S-ino Staes kaj F-ino Obozinski



**Sidantaj ĉe la honora tablo, de maldekstre-dekstren: S-ino Kempeneers, S-ro M. Jaumotte, S-ino Staes, D-ro Kempeneers, F-ino Obozinski, S-ro F. Mathieux kaj F-ino Jennen.**

En la bela Mandarena Salono de la Hotelo Albert Ier estis organizita, Sabaton, la 24-an de Januaro, de la Esperantista Brusela Grupo, la jara festeno, kiu tiun ĉi fojon estis okazo por festi la Prezidanton de nia Ligo kaj S-inon Staes, pioniron de antaŭ la milito, kaj F-inon Obozinski, kiu jam de dudekkvin jaroj apartenas al nia movado.

Ĉe la honortablo estis grupitaj meze la tri gefestatoj, kun dekstre de ili S-ro Jaumotte, vicprezidanto de Belga Ligo, S-ino Kempeneers, S-ro Adv. Robert kaj maldekstre S-ro F. Mathieux, emerita kasisto de Belga Ligo, F-ino Jennen, prezidantino de la Brusela Grupo, D-ro Maes-Dubois, S-ino Jaumotte, S-ro Bas, S-ro Buenting, S-ino Elly Staes kaj F-ino Alice Dierckx, reprezentantino de la « Turnhout'a Espero ».

Je la fino de la bonorganizita kaj bongusta festeno, F-ino Jennen alparolis laŭvice la festitojn.

Pri S-ino Staes ŝi memorigis pri ŝia antaŭmilita esperantisteco, pri ŝia postmilita reveno al nia movado, pri la grandega laboro kiun ŝi de tiam faris por nia afero, per siaj agoj kaj per sia ĉiuspeca subteno.

Pri F-ino Obozinski ŝi memorigis pri ŝia jam kvaronjarcenta esperantisteco, pri ŝia ekzameno pri profesora kapableco kaj pri la multaj kursojn kiujn ŝi poste gvidis kaj pri ĉiuj aliaj kvalitoj de nia bona samideanino, kvalitoj kiujn rekonis nia registaro, ĉar la reĝo nomis ŝin kavalirino de la Ordeno de Leopoldo la IIa.

Pri nia Liga Prezidanto ŝi memorigis pri lia ankoraŭ ne tiel longa kariero, dum kiu tamen li estis laŭvice sekretario, prezidanto kaj honora prezidanto de la Brusela Grupo; vicprezidanto kaj prezidanto de Belga Ligo kaj komitatano kaj fine estrarano de la Internacia Esperanto-Ligo.

Al S-ino Staes, F-ino Obozinski kaj S-ino Kempeneers belaj floroj estis donacitaj; al la tri jubileantoj plie bela leda librokovrilo kun verda stelo kaj iliaj komencliteroj entranĉitaj.

Post tiu ĉi parolado S-ro Jaumotte, nome de Belga Ligo Esperantista diris sian trioblan ĝojon sidi, inter amikoj, ĉirkaŭ bele garnita tablo kaj kun antaŭ si multaj novaj vizaĝoj, kiuj estas kiel daŭra promeso por la estonteco.

Li memorigis pri la jubileo de pasinta jaro, kiam oni festis F-inon Jennen kaj laŭvice ankaŭ resumis la meritojn de la tri festitoj, kaj dum li proponis toaston al tiuj tri eminentaj amikoj li ankaŭ volis speciale saluti la ĉeeston de S-ro Mathieux, de kiu li reprenis, antaŭ multaj jaroj jam la kasistan fakon kaj kiun li nun, post kelkjara foresto, denove revidas en la esperanta rondo. Li esprimas la esperon ke S-ro Mathieux ree povos kunlabori en la estonto kiel li faris en la estinto.

S-ro Jaumote, finis aldonante kelkajn vortojn nome de la grupo « La Verda Stelo » el Antverpeno.

F-ino Alice Dierckx, nova esperantistino el Turnhout, montris ke ne necesas longa esperantistineco, por tamen alporti de iom fora urbo, la koran kaj samideanon saluton de por multaj ankoraŭ nekonataj samideanoj. En lerta lingvo ŝi ankaŭ alvokis al la regiona kunveno kiu okazos la 13-an de Februaro en Turnhout.

Dum S-ino Staes kaj F-ino Obozinski estis jam, dum la parolado de F-ino Jennen, dankintaj en kelkaj vortoj, S-ro Kempeneers, nome de ĉiuj tri esprimis la korajn sentojn, kiuj estis iliaj sentante sin meze de tiu amika rondo.

S-ro Kempeneers promesis ankoraŭ dum multaj jaroj kunlabori al la plibonigo, plifortigo de nia movado en nia lando.

S-ro Opal kaj Van der Hecht kaj diversaj gemembroj ĉe la fortepiano zorgis por ke en bonhumoro finiĝu tiu ĉi agrabla vespero, pri kiu, ne nur la festitoj sed ankaŭ ĉiuj ĉeestintoj longe memoros.

Festante tiel siajn plej bonajn gemembrojn, grupo honorigas sin mem. Tion faris la Esperantista Brusela Grupo.

# BELGA KRONIKO

## GRUPA KALENDARO :

ANTVERPENO. — **Reĝa Esperanto-Grupo « La Verda Stelo ».** — Kunvenejoj « De Witte Leeuw », Frankrijklei, 4, Avenue de France, kaj: Lge Leemstraat, 127, Lge Rue d'Argile: ĉiusabate je 21a h. (Perfektiga kurso je la 20a h.)

Sabaton, la 5-an de Februaro, en la Esperanto-domo, parolado de S-ro Faes pri moroj kaj kutimoj en Nord-Ameriko.

Sabaton, la 12-an, en « Witte Leeuw », parolado de S-ro Baghy.

Dimanĉon, la 13-an, kunveno en la halo de la Centra Stacidomo, je la 8a h. 45, por foriro, per speciala aŭtobuso, al Turnhout. Reveno kune kun la bruselaj amikoj, ĉirkaŭ la 9a vespere.

La kostoj de la aŭtobuso estas fr. 10,50 ire kaj revene.

Sabaton, la 19-an, en « Esperanto-Domo », parolata ĵurnalo (ĉiu kunlaboretu); esperanto-ludoj.

Sabaton ,la 26-an, en « Witte Leeuw », karnaval-balo (dezirita kostumo: gekamparanoj).

BRUĜO. — **Bruĝa Grupo Esperantista, Reĝa Societo.** — Ĉiumarde, je la 20-a. — SIDEJO: « Gouden Hoorn-Cornet d'Or », placo Simon Stevin, tel. 314.59.

KUNVENEJO: « Salonego Brangwyn », ĉe S-ano Jéhansart, placo Simon Stevin, Tel. 318.23.

Kunvenoj dum Februaro 1938, ĉiuj en la KUNVENEJO :

Mardon, la 1-an: Kurso por progresantoj, 2-a leciono (krom « sia ») (F-ino Y. Thooris).

Mardon la 8-an: a) Speciala leciono pri « sia » (S-ro H. Van Roye); b) Dikto de kanto (F-ino Y. Thooris); c) Legado de B.E. (S-ro Ch. Poupeye).

Sabaton, la 12-an: je la 9-a vespere en « MUNTPALEIS-PALAIS DE LA MONNAIE », ĉiujara GRANDA BALO (vidu apartan noteton).

Mardon, la 15-an: a) Kurso por progresantoj, 3-a leciono (S-ro Ch. Poupeye); b) Kantado, gvidado: S-ino J. Groothaert aŭ F-ino A. Boereboom; piano: S-inoj Poupeye aŭ Van Roye.

Mardon, la 22-an: a) Kurso por progresantoj, 4-a leciono (S-ro Van Roye); b) Parolado de F-ino Andrée Algrain pri: « Vojaĝo al Kanado » (Prez. s-ro E. Guillaume).

N.B. — La grupa BIBLIOTEKO estas malfermata ĉiumarde de la 19.30-a ĝis la 20-a, en la Sidejo, Bibliotekistoj: S-ro Karel Decoster kaj F-ino M. Vanden Berghe. Tie ankaŭ samtempe: vendado kaj mendado de esperantaĵoj: libroj, steloj, poŝtkartoj, skribpapero, ktp.

HELPA VENDEJO de esperantaĵoj estas malfermata ĉe F-ino M. Huyghe, Potterierei, 1, Quai de la Poterie (Helpa Poŝtoficejo).

**JARA GRANDA BALO DE LA BRUĜA GRUPO**

okazos **Sabaton, 12-an de Februaro,** je la 9-a vespere, en: « MUNTPALEIS—PALAIS DE LA MONNAIE » kun nova kostumita baleto: « La Esperantista Honorgvardio ».

Tiu balo estos, kiel pasintan jaron, nepre privata kaj do rezervata al la nuraj membroj — aktivaj aŭ apogantaj — de la Bruĝa Grupo. La Balorganiza Komisio disponas ankoraŭ pri limigata nombro de kartoj de « Membro apoganta » je la prezo de 5 fr. kaj rajtigantaj al ĉeestado de ĉiuj grupaj festoj dum 1938. Interesuloj bonvolu tiucele mendi per pago al P.Ĉ.K. 2114.92 de Ch. Poupeye, Bruĝo. La transpagilo devas nepre mencii la ĝustajn nomon, antaŭnomon, profesion kaj plenan adreson de ĉiu kandidato al « apoganta membreco ».

BRUSELO. — **« Esperantista Brusela Grupo ».** — Kunvenejo: « Hotelo Albert I », Placo Rogier, 10, ĉiulunde je la 20.30-a horo.

Lundon ,la 7-an de Februaro, S-ino Elly Staes parolos pri Turnhout, kies grupo invitas la esperantistaron ĉeesti feston, kiu okazos la 13-an.

Dimanĉon, la 13-an, je la 8a h. 20 en la Norda Stacidomo foriro al Antverpeno, por, de tie, aŭtobuse veturi al Turnhout, kun la Antverpenaj amikoj.

Lundon, la 14-an, S-roj Hallet kaj Hobers parolos pri « Konferenco pri Konferenco ».

Lundon, la 21-an: S-ro Castel parolos pri la humorista esperantisto R. Schwrtz.

Lundon, la 28-an: S-ro Derks daŭrigos sian paroladon pri moderna kinejo kaj klarigos la aparaton.

GENTO. — **« Genta Grupo Esperantista ».**

Lecionoj en la lernejo St. Pietersnieuwstraat, 45; ĉiumerkrede je la 7-a vespere.

## GRUPAJ RAPORTOJ.

**ANTVERPENO. — Reĝa Esperanto-Grupo « La Verda Stelo ».** — La 1-an de Januaro komprenoble ne okazis kunsido, sed la 8-an okazis la jarkunveno de la grupo. De la leĝigo tiu ĉi unua jarkunsido tamen ne plu estas laŭleĝe en ordo, ĉar neniam la duono el la membroj pagintaj ĉeestas.

Oni tamen aŭdis la raportojn de S-roj Faes kaj Van Dijck, pri la vivo de la grupo kaj pri la kaso, kiu konfortas ĉar la en- kaj elspezoj ekvilibriĝas.

S-ro Jaumotte, prezidanto, dankis ĉiujn, kiuj iamaniere kunlaboris dum la pasinta jaro.

Sabaton, la 15-an sekvis la jarfesteno en « Roi Albert ». El ekster Antverpeno ĉeestis la prezidanto de Belga Ligo kaj S-ino Kempeneers kaj S-ro Swinne, sekretario de Belga Ligo kaj de la Brusela Grupo.

S-ro Jaumotte, kiu prezidis estis ĉirkaŭata dekstre de S-ino Schoofs, G-roj Kempeneers, S-ro Swinne kaj maldekstre de S-ino Faes, D-ro Detournay, S-ro Van den Bossche, teritoria sekretario de la Internacia Esperanto-Ligo, dum je la alia flanko S-ino Jaumotte estis ĉirkaŭata dekstre de S-ro Faes, sekretario; F-ino M. Jacobs, profesorino kaj S-ro Wauters, funkcianta komisaro kaj maldekstre de S-ro L. De Hondt, administranto, S-ino De Hondt kaj F-ino Morrens.

Je la horo de la toastoj S-ro Jaumotte trinkigis je la sano de la Reĝo kaj de la membroj de la Reĝa Familio. Telegramo estis sendita.

Poste la Prezidanto dankis en la unua vico la vizitintojn, poste ĉiujn, kiuj kunlaboris en la grupo dum la fora jaro; kaj speciale la sekretarion S-ron Faes, kiu de Marto 1937 funkciis dum 10 jaroj jam en la sekretaria funkcio; fine li gratulis ĉiujn kiuj per sia ĉeesto kunhelpis al la sukcesigo de la festeno kaj invitis trinki je la sano de S-ino Schoofs, la ununura honora membrino de la grupo kaj en kiu ĉiuj daŭras vidi la plej fidelan reprezentantinon de la grupo mem.

S-ro Faes dankis pro la vortoj diritaj je lia honoro kaj S-ro Kempeneers, nome de « Reĝa Belga Ligo Esperantista » salutis la amikojn de Antverpeno. La Liga Prezidanto daŭrigis farante specialan alvokon por niaj du kongresoj en Charleroi, je la pentekostaj tagoj kaj en Londono en Aŭgusto proksima.

Post kiam S-ro Swinne estis dirinta kelkajn vortojn pri la monproblemoj, pri kiuj li faros specialan paroladon en la grupo, komenciĝis plej vigla dancado kiu daŭre... daŭris.

Ni aldonu ke dum la festeno S-ro Louis Joris aŭdigis plej belajn kantojn kaj akiris multajn laŭdojn.

Sabaton, la 22-an S-ro Lodema, faris tre interesan paroladon en la Esperanto-Domo, pri sia unua marvojaĝo. Liaj anekdotoj kaj teknikaj



**La partoprenintoj al la festeno de la Antverpena grupo « La Verda Stelo ».**

klarigoj multe plaĉis al la aŭskultintoj. S-ro L. De Hondt, senkulpigis la prezidanton kaj prezentis kaj dankis la paroladiston.

La 29-an de Januaro, okazis la dua jarkunsido de la grupo, kaj tiu ĉi estis ĉeestata de multaj gemembroj.

Post enkonduka parolo de la prezidanto S-ro Jaumotte, kiu bonvenigis samtempe la gelernintojn de la kursoj de F-ino M. Jacobs kaj de S-ro L. De Hondt, la sekretario S-ro Faes kaj la kasisto S-ro Van Dijck legis siajn raportojn, kiuj estis unuanime aprobataj. S-ro Jaumotte dankis ilin ambaŭ, same kiel la profesorojn, la gekomitatanojn kaj gemembrojn, pro ilia laboro dum la pasinta jaro.

La listo de la administrantoj tiel kiel ili funkcios dum la jaro 1938 kaj tiu de la komisaroj estis aprobita. Estis elektitaj kiel administrantoj: S-roj Jaumotte, Faes, Van Dijck, De Hondt, Vermandere, Van den Bossche, Vermuyten kaj Sielens, kaj F-inon Jacobs; kiel gekomisaroj S-ino Faes kaj S-ro Wauters. Kune, kun S-ino Schoofs, honora membrino, kaj tiuj, kiuj dum la jaro gvidos kurson, ili formos la direktantan komitaton de la grupo.

Tiam la prezidanto honorigis tiujn membrojn, kiuj dum dek jaroj pagis sian kotizon kaj kiuj tial ricevas la bronzan medalon de la societo. Iliaj nomoj estas S-ro Boeckx Fr.; S-ino Boeren Marg.; G-roj Boffejon; S-ro Claes A.; S-ro Hanjoul F.; S-reto Jaumotte Roger.

Kiel la plej juna medalito, S-reto Roger Jaumotte dankis en kelkaj trafaj vortoj.

Poste okazis la diplomdisdono. S-ro Faes legis la palmareson de la kursoj:

**Kurso de F-ino M. Jacobs:** S-ro L. Detournay; F-ino B. Colen; F-ino G. Van Acker; S-ro A. Sacré; S-ro L. Joris; S-ro C. Asselman; S-ro C. Vlaminckx.

**Kurso de S-ro L. De Hondt:** F-ino M. Dorekens, S-ro G. Nuyts; F-ino J. Dorekens; F-ino H. Deckers kaj S-ro C. Smits.

D-ro Detournay kaj F-ino Dorekens, laŭvice, dankis sian respektivan profesoron.

Fine, sekvis la disvolviĝo de agrabla programo al kiu kunlaboris S-ino Faes ĉe la pianoforto; F-ino Jacobs, kiu deklamis « Pri du Gereĝidoj » kaj S-ino Elworthy, kiu legis premiitan literaturaĵon « Patrinjo » kaj S-ro L. Joris, kiu aŭdigis sian simpatian voĉon en diversaj arioj.

**BRUĜO. — Bruĝa Grupo Esperantista, Reĝa Societo.** — La 21-an de Decembro, S-ro Van Roye donis klarigojn pri la traduko de kelkaj idiotismoj. S-ro Poupeye faris komunikaĵojn koncerne la ekzamenon pri simpla kapableco, kiu okazas la 14-an kaj la 31-an de Januaro; fine okazis kantado sub la gvidado de S-ino Groothaert kun S-ino Poupeye ĉe la fortepiano.

La 28-an, la gegrupanoj gaje festis la finon de la jaro en la kunvenejo « Brangwyn », kie ili ĝuis vespermanĝon je mituloj kaj fritaj terpomoj kaj poste dancadon.

La 4-an de Januaro, S-ro Poupeye gvidis la unuan lecionon de la kurso por pregresantoj, speciale dediĉatan al la elparolado.

La 11-an, S-ro Poupeye, anstataŭanta S-ron Groothaert, pro malsano malhelpatan, daŭrigis la kurson por progresantoj kaj la prezidantino F-ino Thooris faris diversajn komunikaĵojn.

La 14-an, en la sidejo « Gouden Hoorn-Cornet d'Or » okazis la skriba parto de la ekzameno pri simpla kapableco. Dek-ok gelernintoj ekzameniĝis.

La 18-an, en la kunvenejo « Brangwyn », S-ro R. Groverman gvidis la trian lecionon de la kurso por progresantoj, farante lekcion pri « Oficialaj Radikoj ». Per trafaj ekzemploj kaj eĉ amuzaj anekdotoj, li agrable pritraktis tiun instruplenan temon kaj akiris meritītan sukceson. Post dankoj al li de F-ino Thooris, estis farataj la kutimaj komunikaĵoj kaj « La Espero » estis ĥore kantata, precipe je la intenco de la novaj gemembroj.

**BRUSELO. — Esperantista Brusela Grupo.** — La 15-an de Decembro, estis organizita festeto, okaze de la datreveno de la naskiĝo de D-ro Zamenhof. Ĝi estis ĉeestata de multaj gemembroj, kaj plie de S-roj Cogen, el Ninove, kaj Walter, el Tornako.

F-ino Jennen legis artikolon pri nia Majstro kaj tiam S-ino Elly Staes, funkcianta kiel « speaker », sprite anoncis la programon. Oni aŭdis F-inon Pierre, talentplenan pianistinon, kiu ludis la « Espero'n » kaj verkojn de Liszt kaj Chopin; S-inojn Jacobssohn-Freyman kaj Derks, kiuj kantis konatajn kantojn; S-rojn Van der Hecht kaj Vanderstempel, kiuj deklamis kaj F-inon Bottin, kiu. akompanata ĉe la pianoforto de S-ro Vanderstempel, kantis dolĉajn melodiojn.

Post mallonga paŭzo, estis ludata « La Salujo », tradukita de S-ro Cogen, kiu, poste, mem dankis la geaktorojn, F-inojn Obozinski kaj Kestens kaj S-ron Castel, kaj la reĝisorinon, S-inon F. Staes, kiu malfeliĉe, pro malsano ne povis ĉeesti la festeton.

La 27-an, S-ro Kempeneers, kiu prezidis, faris varman alvokon por la nacia kaj la internacia kongresoj.

La 3-an de Januaro, F-ino Obozinski, kiu prezidis, prezentis kaj dankis S-ron Jos. Derks, kiu paroladis pri la kina filmo. Li fine respondis al diversaj demandoj.

Poste S-ro Vanderstempel ankoraŭ legis artikolon.

**GENTO. — Genta Grupo Esperantista.** — Dum la merkredaj kunvenoj en la lernejo Sint Pietersnieuwstraat, oni havis la plezuron aŭdi F-inon Vanden Nesse, kiu parolis pri la bela temo « Vivu Esperanto », kaj F-inon Claeyssens pri « Vojaĝo en Svedujo ».

La 21-an de Januaro, okazis en la Salono « Melomanes » la dujara administra kunveno.

Malfermante la kunsidon, S-ro Vande Velde, prezidanto, gratulis F-inon Nachtergaele, vicprezidantinon, pro la jubilea stelo ricevita dum la Kongreso de Varsovio.

Poste la prezidanto legis tre kompletan raporton pri la agado de la « Genta grupo » dum la jaro 1937, kaj S-ro De Man, spezestro, informis la ĉeestintojn pri la enspezoj kaj elspezoj dum la pasinta jaro.

Fine, S-ro Vande Velde montris belajn lumbildojn pri Belgujo kaj Francujo.

# Bibliografio

**MURDO EN LA ORIENTA EKSPRESO,** de Agatha Christie. N-ro 1 de la «EPOKO» Libro-Klubo. 192 paĝoj. Prezo por membroj de la Libro-Klubo unu angla ŝilingo + afranko; por nemembroj du ŝilingoj + afranko. Oni povas aliĝi al la Klubo, aŭ aĉeti apartajn numerojn, ĉe Belga Esperanto-Instituto, 127, Lange Leemstr., 127, Antverpeno.

Estis tre bona ideo, prezenti la libron de Agatha Christie kiel unuan eldonaĵon de «Epoko».

La libro, prezentas detektivan romanon, kies heroo, la belgo Poirot, sukcesas solvi plej malfacilan problemon. La leganto kune kun li analizas ĉiujn eblojn, sekvas ĉiujn paŝojn, ĝuas la tutan eksperimenton ĝisfunde.

Kune kun la libro « La Naiveco de Pastro Brown » la libro donas al nia internacia literaturo belan ekzemplon de la detektiva literaturspeco.

Laŭ eldona vidpunkto, la libro estas same sukcesa kiel laŭ enhavo. Bela malmultekosta libro kiu sendube varbos novajn membrojn por la tiel utila al ni ĉiuj libroklubo «Epoko».

**LA VIVO KAJ KONCEPTO DE LA SOCIETO DE AMIKOJ,** kompilita de The Friends Service Council, kaj eldonita de The Esperanto Publishing Co., Ltd., Anglujo. Prezo unu ŝilingo, afranko du pencoj. Aĉetebla ĉe Belga Esperanto-Instituto.

Interesa eldonaĵo pri la «Kvakero-movado». Tiu duonreligia movado estis unu inter la unuaj kiuj akceptis nian lingvon, por tia propagando.

Utila eldonaĵo kiu plaĉos al ĉiuj legantoj interesiĝantaj pri religiaj problemoj

**LA VIVO DE SANKTA HÔNEN,** tradukita de Nisida-Ryôya, Saihôzi, Goken'yamati 302, KISIWADA-SI, Japanujo. (Internacia poŝtĉekkonto: Osaka 43925.)

La libro pritraktas laŭ lerta maniero la vivon de tiu sanktulo; multsignifa por la kono kaj kompreno de la orienta vivo.

Ĝi estas havebla kontraŭ sendo de kvar poŝtaj respondkuponoj.

Hoso.



# Nia Propagando

Ĉiu kunhelpu al la propagando por nia lingvo. Tio estu ĉies celo.

Kun ĝojo ni en tiu rilato eksciis ke « La Patrie » en Bruĝo, post paŝoj faritaj de F-ino Thooris kaj de niaj bruĝaj amikoj, regule nun enpresas artikoletojn kaj eĉ tutajn artikolojn pri Esperanto.

Tiuj, kiuj povas imitigi tiun ekzemplon de aliaj ĵurnaloj aŭ revuoj, nenion preterlasu por tion akiri.

Aliflanke, tiuj, kiuj konas personojn, kiuj montris iele intereson por nia movado, sendu regule al ili dokumentojn pri nia lingvo.

Tiurilate, ni memorigas ke ekzistas bonegaj broŝuroj, kiuj entenas klarigojn pri la tuta problemo: nome la konata broŝuro de « Unuel » (alias D-ro Zamenhof), kun la traduko, ĉu en flandra ĉu en franca teksto, kaj la broŝuro « Initiation » de Rollet de l'Isle, kiu ankaŭ ekzistas en flandra traduko.

Tiuj broŝuroj estas akireblaj je la prezo de Fr. 5,—, ĉe « Belga Esperanto-Instituto », 127, Lange Leemstraat, Antverpeno.




## OFICIALA INFORMILO

**Organiza Komitato.** — Sekretario: C. C. Goldsmith. Help-sekretarioj: E. W. Amos kaj f-ino E. C. Goldsmith. Membroj: f-ino R. A. Davey (Prezidanto de la Londona Esperanto-Federacio), W. A. Gething (Konsilanto de B. E.A.), H. W. Holmes (Prezidanto de la Londona Esperanto-Klubo), s-ino N. Holmes, Bernard Long (Honora Sekretario de B.E.A., Komitatano de IEL), A. C. Oliver (Estrarano de IEL., Konsilanto de B.E.A.), Fred Wadham (Ĉefredaktoro de The British Esperantist), s-ino E. Warren (Sekr. de la Londona Esperanto-Federacio), R. B. Wilkinson (Sekretario de B.E.A.).

**Adreso por leteroj.** — Sekretario, 30a Universala Kongreso de Esperanto, Heronsgate, Rickmansworth (Herts.), Anglujo.

**Kongresejo.** — University College, Universitato de Londono.

**Kotizoj.** — Ĝis 31-3-38, £1-5-0; post 31-3-38, £1-10-0. La edzo aŭ edzino de kongresano, kaj gejunuloj ne pli ol 20-jaraj, pagas la duonon de ĉi tiuj sumoj. Estas oportune sendi kotizojn en registrita letero per britaj ŝtataj monbiletoj, haveblaj ĉe bankoj kaj monŝanĝejoj en multaj urboj. Se oni sendas pagojn per poŝtmandatoj, oni **ĉiam** sendu samtempe informon pri la **nomo kaj adreso de la sendinto** kaj la celo de la pago, ĉar la brita poŝtadministracio ne skribas mesaĝojn sur poŝtmandatoj. La poŝtĉekkonta sistemo ne ekzistas en Britujo. Ĉekoj kaj aliaj pagiloj estu pageblaj al Internacia Esperanto-Ligo.

**Blinduloj.** — Blinduloj kaj ties gvidantoj ricevos kongreskartojn senpage, sed iliaj aliĝoj devas esti aprobitaj de s-ro W. P. Merrick (kasisto de la Blindula Ligo), Penso, Shepperton, Middlesex, Anglujo.

**Aliĝiloj.** — Nun haveblaj ĉe la kongresoficejo, kaj ĉe la ĉefaj gazetoj kaj Landaj Asocioj.

**Donacoj.** — La Organiza Komitato volonte ricevos donacojn por helpi al la plena sukceso de la Kongreso. Donacoj jam ricevitaj £8-8-3.

**Blindula Kaso.** — La Organiza Komitato volonte ricevos donacojn por ebligi, ke blinduloj partoprenu la Kongreson. Jam ricevita £13-8ŝ.-2p.

**Glumarkoj.** — Oni presis belajn kongresajn glumarkojn, kaj ili estas nun pretaj. Prezo por kvindek, 5 pencoj aŭ 2 internaciaj respondkuponoj.

**Loĝado.** — Kiel eble plej baldaŭ oni dissendos loĝmendilojn. Intertempe, povas esti, ke la jena informo utilos:

Hoteloj: lito kun matenmanĝo, po 4,5 ĝis 14 ŝilingoj ĉiutage. (Alilandanoj notu, ke la angla matenmanĝo estas iom ampleksa).

Oni ankaŭ esperas aranĝi pli malkarajn loĝejojn.

La Organiza Komitato ne garantios loĝejon al iu ajn kongresano, kies aliĝilon ĝi ne estos ricevinta antaŭ la 1-a de julio.

**Manĝoj.** — La ordinara prezo por lunĉo en restoracio estas 1 ĝis 3,5 ŝilingoj. La « temanĝo » kostas de naŭ pencoj ĝis du ŝilingoj. La vespermanĝo, de 1,5 ĝis 5 ŝilingoj.

**Fakaj kunvenoj.** — Organizontoj bonvolu anonci frue siajn dezirojn.

**Oficiala organo.** — Ĉiu kongresano ricevos la gazeton THE BRITISH ESPERANTIST de januaro ĝis julio, kaj poste la numeron, kiu enhavos la raporton pri la Kongreso. Se kongresano jam abonas la gazeton, oni esperas, ke li ne ĉesigos la abonon sed fordonos la duan ekzempleron por propagandaj celoj.

### EKSKURSOJ.

Merkredo estos la tago de la plej gravaj ekskursoj. Okazos kvar, laŭ la jenaj detaloj:

1. Rondveturo en Shakespeare-lando, kun vizito al la kastelo de Warwick, Stratford-on-Avon, (naskodomo de Shakespeare), kaj Oxford. Kosto: £1, inkluzive de tagmanĝo kaj temanĝo.

2. Simila rondveturo tra la bela suda regiono al Hastings kaj Eastbourne, ĉe la marbordo. Kosto: kredeble 12,5 ŝil., kun tagmanĝo.

3. Windsor kaj Hampton Court, kun vizito al la Palacoj. Kosto: 10 ŝil., kun temanĝo.

4. Al Whipsnade, la bela, natura zoologia parko en la kamparo. Kosto: kredeble 6 ŝil., inkluzive de la enirprezo.

Post proksimume du monatoj ni dissendos plenan informon kun mendiloj. Krom la supremenciitaj, oni aranĝas multajn ekskursojn en Londono mem, matene, posttagmeze, kaj vespere. La kongresanoj ankaŭ povos partopreni ekskursojn sur la rivero Tamizo, kun vizito al la tre interesa havenego.

### POSTKONGRESAJ ARANĜOJ

**A.** Sep-taga ripoza libertempo tuj post la kongresa en High Leigh, Hoddesdon. High Leigh estas bonege ekipita gastodomo en la beleta kamparo, proksimume 30 Km. de Londono. Dum la matenoj okazos prelegoj de la bone konata Cseh-instruisto Sigisimundo Pragano pri la Literaturo de Esperanto. Posttagmeze okazos libervolaj ekskursetoj kaj vagadoj, kaj vespere koncertoj, dancoj, kaj neformalaj aranĝoj. La celo de tiu ĉi semajno estas, ke ĝi estu kvazaŭ ripozo post la kongres-tagoj. La kosto por la semajno estos £ 3,5. Tiu prezo enhavas ĉion, kun la escepto de la tute malalta veturkosto de Londono. Ĉar estas loko por nur cent gesamideanoj, frua aliĝo estas konsilinda.

**B.** Ankaŭ tuj post la kongreso okazos granda ekskurso al Skotlando. Mallonge la detaloj estas jene: De Londono oni veturos fervoje al Glasgow, kaj la postan tagon okazos tuttaga aŭtoĉara rondveturo al Ardrishaig, de kie oni reiros al Glasgow per ŝipo sur la lagoj kaj rivero. La trian tagon oni ĝuos viziton al la grandioza Ekspozicio de la Brita Imperio en Glasgow. Je la sekvanta tago la karavano iros fervoje al Balloch, boate sur la fama lago Loch Lomond al Inversnaid, aŭtoĉare al Stronachlacher, boate sur Loch Katrine al Trossachs Pier, aŭtoĉare al Callander, kaj finfine fervoje al Edinburgh. La matenon de la kvina tago oni pasigos per rondveturo en la urbego, kaj la postan tagon okazos tuttaga rondveturo en la Scott regiono. Fine, post la interesplena semajno, oni la sepan tagon fervoje reiros de Edinburgh al Londono. Kosto, inkluzive de ĉio, iom malpli ol £13.

**Vojaĝ-oficejo.** La oficiala kongresa vojaĝoficejo estas la mond-konata firmo Thomas Cook-Wagon Lits. La kongresa komitato esperas aranĝi pri rabatitaj biletoj en multaj landoj.

**Banko.** Kongresanoj povos ŝanĝi monon kaj fari aliajn bankaferojn ĉe speciala kontoro, kun Esperanto-parolantaj oficistoj, starigota de Midland Bank Ltd. (la plej granda banko en la mondo) en la Kongresejo.

**Presaĵoj.** En la kongresejo kaj kongresaj kunvenoj oni rajtos disdoni cirkulerojn kaj ĉiajn aliajn presaĵojn nur post antaŭa aprobo de la kongresa komitato

**Dokumentaro.** La sama postulo rilatas al presaĵoj disdonotaj kun la oficialaj kongresdokumentoj; tio estas, ili devos ricevi la antaŭan aprobon de la komitato kaj devos alveni ĉe adreso indikota, plej malfrue du semajnojn antaŭ la kongreso.

**Membraro.** Ĝis la hodiaŭa dato (16.12.37) aliĝis al la kongreso 477 personoj el 22 landoj.

Por la Organiza Komitato,
Cecil C. Goldsmith,
Sekretario.



**DANKESPRIMO.** — F-ino A. Jennen, prezidantino de Esperantista Brusela Grupo, kore dankas la grupon de Nice, kiu tiel afable akceptis ŝin dum la regula kaj eĉ dum speciala kunsido.

Apartajn dankojn ŝi esprimas al S-ino de Latrière, pro afabla hejmakcepto.

**ESTRARO DE „BELGA LIGO ESPERANTISTA"**

**Prezidanto:** D-ro Paul Kempeneers, 19, Avenue Montjoie, Uccle. (Tel.: 44.53.00.)

**Vicprezidantino:** F-ino Yvonne Thooris, 4, Wijnzakstraat — Rue de l'Outre, Bruĝo. (Tel.: 320.86.)

**Vicprezidanto:** S-ro Maurice Jaumotte, 44, Avenuo De Bruyn, Wilryck (Antverpeno). (Tel.: 777.58.)

**Sekretarioj:** S-ro Ch. Poupeye, 42, Elf Julistraat, Bruĝo.
S-ro R. Dechesne, 38, Rue de la Meuse, Sclessin.
S-ro Swinne, 77, Rue Nieuwenhove, Uccle.

**Kasisto:** S-ro André Tassin, 1, rue St Joseph, La Louvière.

**Por pagoj de kotizoj, anoncoj, abonoj kaj donacoj:**
P.Ĉ.K. 1337.67 de Belga Ligo Esperantista (La Louvière).

**Por pagoj al I. E. L.:**
provizore al la speciala P.Ĉ.K. 4109.91 de S-ro G. Van den Bossche, teritoria sekretario. Rembrandtstr., 7, Antverpeno.

**Por pagoj al Belga Esperanto-Instituto:**
P.Ĉ.K. 1689.58, Antverpeno (Lange Leemstraat, 127).

Presejo de BELGA ESPERANTO-INSTITUTO, Koopera Soc., Lange Leemstraat, 127, ANTVERPENO.